# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

*http://itranslate4.eu/*

**PLENUMITA 21/01/2016 Ducentkvindektria eldono 22/01/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**„Aŭstraliaj Esperantistoj“ korektitaj atingeblas je la suba adreso**

(Ctrl+klaku la veran ligilon) http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

Estas pli ol **267,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn.




Ne lasu kopiojn sur bretoj. Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo



## Estontaj kompetentaj Esperantistoj

### aŭskultas la retradion (Esperantujo) ĉiun tagon

**http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine**

Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu

# 106. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Iom pli pri "de". F.

En la antaŭa numero mi klarigis, ke "ate de" staras antaŭ la faranto de ago, kiel "La forpreno ate de la infano", kie la infano forprenis ion (angle "by"), kaj ke "ante al" antaŭas la gramatikan objekton de ago, kiel "La forpreno ante al la

infano", kie iu forprenis la infanon (angle "done to").

Mi menciis ankaŭ, ke ni povis doni tiujn reduktitajn signifojn pro la Regulo de Signiforedukto, kiun Zamenhof ne formulis sed tamen aplikis konscie. Ĝi povas aplikati nur se la afikso aŭ alia radiko havas pli ol unu signiferojn, kiel ekzemple povon kaj pasivon ĉe la sufikso "ebla" aŭ inklinon kaj aktivon ĉe la sufikso "ema".

Por legi pri Zamenhof'a ekzemplo de aplikado de la nomita Regulo, vidu proksimnumere.

Marcel Leereveld.

# Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?



Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj) rspring@tpg.com.au

Ĉu ĉiu en via grupo ricevas la Novaĵleteron?










**26an de januaro**





# La Manlia Esperanto-Klubo.



16/1/16 Venis nur 2, Roger kaj Chris. (John estis malsana kaj Eunice ne povis veni sole.) Sed ni guis la kafon kaj paroladis Esperante.

## Ses denaskaj Esperantistoj

https://youtu.be/UzDS2WyemBI

★★★★★

**Learn Esperanto first:**
**Tim Morley at TEDxGranta**




https://www.youtube.com/watch?v=8gSAkUOElsg

# LA KONKURSOJ DE SAMIDEANO




Estimataj Gesinjoroj,

Ni sendas al Vi, kun la peto pri plej larĝaskala diskonigo, la Regularojn de la Konkursoj de Samideano pri Originala Poezio kaj pri Tradukita Romano en esperanton el kiu ajn lingvo:

http://iconcorsidisamideano.altervista.org/KonkursoPoemojIII.html

http://iconcorsidisamideano.altervista.org/KonkursoRomanojI.html

Ni sincere dankas por Via atento kaj esperas je Via ŝatata kunlaboro por la progresigo kaj disvastìgo de la esperanta kulturo en ĉiuj landoj.

Sincerajn kaj respektoplenajn salutojn

Nicolino Rossi

kunlaboranto kaj membro de la Jugh-komisionoj.

# De el Babel al Baha'i





pauldesailly@yahoo.com

---------------

*Kara Roger,*

*Mi iom recenzis libron de Paul Desailly, kaj sendas nun al vi.*

*Amike, Trevor Steele.*

----------------

Inter la plej nelacigeblaj varbantoj por Esperanto estas **Paul Desailly**. Paul koncentras siajn tempon kaj energion sur specifan kampon: memorigi siajn samreligianojn, la bahaanojn, pri admono de la ĉefaj figuroj de la kredo, ke unu el la bazaj principoj estas universala helplingvo.

Lastatempe Paul eldonis (elektronike, kontraŭ ĉ. $AUD 4) sian verkon *From Babel to Bahá'í*. Jam sur paĝo 2 aperas la defio, kiu evidente koncernas nur bahaanojn: LET'S TRY ALL THE BAHÁ'Í PRINCIPLES PLEASE! Kvazaŭa resumo aperas sube: *Ni pripensu la faktorojn, kiuj rezultigas kronikan rifuzon konsulti [la principojn].*

La libro estas ne vere libro en kutima senco, sed kolekto de diverstemaj eseoj. En longa prologo Paul prezentas grandtrajte la historion de siaj propraj provoj influi samreligianojn kaj la rifuzon de bahaanoj ĝenerale ekzameni la demandon.

La unua eseo pritraktas la legendon de la Turo de Babel kaj ĝiajn paralelaĵojn en diversaj religioj. Multe da interesaj detaloj, sed la ligo kun la ĉefa intenco de la verko estas al mi neklara, krom por iom prilumi la titolon.

Poste Paul tuŝas la temon de la mizera instruado de fremdaj lingvoj en Aŭstralio, kaj tio kondukas al la demando: kiu lingvo estu (el bahaa vidpunkto) la universala helpilo. Bahaŭla (se mi rajtas eviti la pezan version de lia nomo uzata en la latina alfabeto), la fondinto de bahaismo, opiniis, ke la araba estas la plej riĉa el ĉiuj lingvoj kaj do estus ideala, sed ĝia riĉeco estas obstaklo por nedenaskuloj. Do la reprezentantoj de la popoloj interkonsentu pri la helpa lingvo.

La ĉefa bazo de la vidpunkto de Paul estas la diroj de Abdul-Baha, la posteulo de Bahaŭla. Lydia Zamenhof bone konis Abdul-Baha – cetere, LLZ havis tre altan opinion pri bahaismo – kaj en tiu epoko Esperanto ŝajnis al multaj homoj (inkluzive multajn socialistojn) esti la venanta monda helplingvo. Abdul-Baha eĉ parolis dum UK-oj, kaj abundas liaj favoraj komentoj pri nia lingvo. Kaj vi trovos tiun abundon en la libro de Paul. Se vi estas bahaano kaj akceptas, ke la vortoj de la Gardantoj estas nepre atentindaj, malfacilas ne akcepti la "ordonon" studi Esperanton. Tiu parto de la libro estas miaopinie la plej valora.

Ne eblas eĉ resumi la ceterajn partojn de tiu 149-paĝa libro (partoj estas eĉ en esperanta traduko de jam prezentitaj anglalingvaj tekstoj). Unu ĉapitro pezentas poemojn en la originala lingvo kaj tradukojn en Esperanton kaj diversajn naciajn lingvojn.

Eble la plej bona resumo troviĝas sur p. 62: bahaa broŝuro prezentas la fakte tre noblajn principojn de la kredo: unueco de Dio; plena egaleco de la seksoj; unueco en diverseco; monda registaro; unueco de la homaro; sendependa esploro de la vero; harmonio de scienco kaj religio; elimino de ekstrema malriĉeco kaj riĉeco; universala edukado; unueco de religioj; elimino de ĉiaj formoj de antaŭjuĝo. Sed, kiel atentigas Paul – li aldonis ĝin mane – mankas la dekdua principo: *universala helplingvo.*



# Pri 3ZZZ radio



En la elsendo de la 18a de januaro 2016 vi malkovros la sensaman Annie kaj ekscios pri la plano de Finlando rilate senlaborulojn

Dezirante la vi agrablan aŭskultadon, Franciska

RESTRIKTI

Rekonduki al pli malvastaj limoj:

La juĝo restriktis lian rajton vidi la infanon.

La nombro de la laboristoj estis ege restriktita.

Mi ne kontentas pri la restrikto de miaj rajtoj.

Ni ne subskribis la kontrakton pro restriktaj kondiĉoj.

